# PENSEO

N-ro 326

dec. / 2018

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 29-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Paulo Silas (Brazilo)



### Posedrajto

—La tero apartenas al mi.
Mi jam kultivas ĝin de 30 jaroj.
—Sed miaj gepatroj kaj geavoj repostulas la posedrajton
jam de pli ol 200 jaroj.
—En 1500 post Kristo, venis la civilizo.
De tiam la sovaĝaj vivmanieroj estas for
kaj ĉiuj indianaj pretendoj nuliĝis.
Civilizitiĝu kaj kuniĝu al nia progreso.
—Kiu estis Kristo por determini ion ajn al mi?
Miaj plej antikvaj antaŭuloj devas de tempo
pli antaŭa! Du jarmiloj ne ampleksus la tuton.
—Vi ne povas pruvi vian aserton!
—Karaj diskutantoj—diris tria voĉo.
—Se vi retroiras milionojn da jaroj, vi malfacile
trovos antaŭulojn, urbocivilizojn kaj posedrajtojn.
Grandaj bestoj, grandaj kiel montoj,
moviĝantaj montoj,
regis senlitere, sen parolkapablo.
Kaj se vi volas iri iom pli antaŭen
por trovi komencon, vi ja trovos punkton...
... nur por demandi kiu ekzistis antaŭ tiu punkto.
De tempopunktoj al trmpopunktoj,
ĉiam pli malantaŭen kaj pli foren,
ĉar ĉiuj komencopunktoj estas finopunktoj por aliaj skaloj.
La punkto, kiu estus komenco kaj fino,
vertiĝe ĉirkaŭ si mem,
estus la komenco de la komencoj.
Kiu posedos la povon indiki tiun momenton,
posedos la tutan universon.
Bedaŭrinde mi devas diri, ke neniu ĝis nun
revenis por rerakonti, kio videblas tiuloke,
en la aŭroro de la komenco de ĉio.

*la 19-an de majo 2016*

### Cirklaj cikloj

Ni giris laŭ rondoj ĉiam pli perfekte cirklaj.
Kiam la tiama ciklo fermiĝis ĉirkaŭ si,
ni turniĝis kaj ree alcelis per malkonstruo la komencon.
Ĉio estis nova, ĉar per inversa iro.
La signifo pufiĝinta eksplodis,
diseriĝis en mil partojn kun mil apartaj sekvoj.
Vivoj elforĝis personajn vojojn sur la sfersurfacoj,
rotaciis sur kerna, opa, grega universkompreno.
La tempo pasis de dekstro maldekstren.
Minus 1. Minus 2. Minus 3. Minus 4...
Okazis, kio okazi devis.
Bulojn obstrukcis niajn gorĝojn.
La kurboj de la globoj premis la nove plataj pravoj.
La diskoj de la plataj pravoj kuniĝis en cilindron
kiu ruliĝis sovaĝe surpaŝanta la tuton kreitan per malfaro.
Ju pli la ruliĝado intensiĝis,
des pli la cilindro etendis longajn brakojn,
kaj des pli la ekstremoj de la arko emis proksimiĝi por ligo.
Truaj, malsamdiametraj ringoj allogis sin reciproke.

Frapo. Kolizio. Trudaj kungluoj.
Ni giris laŭ ĉiam pli cirklosimilaj rondoj.
Sen anguloj. Sen eĝoj.

*la 21-an de majo, 2016*

el *Transgeneraciaj kulpoj*

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Sentoj

En soleco agonias
la silento buŝoŝtopita,
dum dronadas la mondo
en strida galimatio.

Nur Dio en silento
aŭdebla nin alparolas;
tamen neniu sukcesas
aŭskulti la Dian Voĉon.

*Juiz de Fora, 17/10/2018.*

### Limoj

Jen tempo venas,
en kiu printempo
sin vestas kiel aŭtuno,
kaj preferas silentojn
plektitajn el memoroj
pri someroj apud la maro.

Tiam sereniĝas poeto,
la koro kvietiĝas:
ankoraŭ eĝoj restas
en la revanta brizo
ĉe l' animĝardenoj.

*Juiz de Fora, 02/11/2018.*



## Tiberio Madonna (Italujo)



### PROMENO TRA LA JARO

Mi estis kredinta
ke mi povos konservi
en miaj poŝoj
la blankan neĝon de januaro
ĝis la somero
por fari bukedon
de la blankaj neĝeroj
kaj montri
donaci tiujn al junio
kiu neniam vidis ilin.
Sed jam en februaro
dum mi
preskaŭ frostiĝinta
marŝadis admirante
la neĝon en miaj manoj,
abrupta tusofrapo
dispelis surteren la floketojn
kiuj ruliĝis
sur la pavimo
de mia animo
ĝis la freneza suno
de marto
kompletigis la laboron
ilin dissolvante
kaj ilin igante
akvo.
La larmoj
kiujn mi pluvigis
pro la perdo
de mia blanka trezoro
konfuziĝis
kun la pluvo de aprilo
kun la grizo de l' nuboj
kiu trakovris mian ĉielon.
Sed mia amiko
majo
sukcesis
forgesigi al mi
la perditan blankon

per siaj koloroj
la koloroj de siaj floroj
la floroj de siaj ĝardenoj.
Kaj tiuj koloroj briladis
helaj, intensaj
per la lumo de la suno
kiun mi kredis povi preni.
Kaj mi proksimiĝis
al la suno
kaj la suno proksimiĝis
al mi
pli kaj pli multe
dum alvenis la somero
ĝis en julio
kiam mi
etendis la brakojn
por preni ĝin
miajn fingrojn ĝi ekbruligis
kaj mi devis
retropaŝi
kaj mi devis
kontentiĝi.
Sur la plaĝo
de aŭgusto
mi senzorge ludadis
kun sablero
sub la ĉielo
sub la suno
plu ridanta,
sed subirante
en septembro
ĝi salutis min
kaj estingiĝis.
Kaj mi vagis
en l’ obskuro
kaj mi serĉis
novan lumon.
En oktobro
en la bosko
obskura
plu mi marŝis
ĝis mi trovis
novan lumon
novan fajron
per kiu ŝajnis
ke ĉio brulas
ĉio en la bosko
fajras.
Ŝajnis.
Sed tiu flama ruĝo
nur estis
frida fajro
falsa brulo:
la ruĝaj folioj
mortantaj
falis sekaj
sur la veprojn
sur l’ aleojn
sur min.
En novembro
mi fridiĝis
pli kaj pli
kaj pensadis,
meditadis
kiel mi povis
perdi tiom da plezuroj
en l’ obskuroj
de la boskoj,
kiuj eĉ ne montris plu
la ruĝon de l’ folioj
jam bruniĝintaj.
Mi pensadis,
meditadis
ĝis fine
en decembro,
surprizite
reĝojante
kiel infano,
la tiama infano,
mi retrovis
ho!
malnovan ĝojon!
mi retrovis
la blankecon
de la neĝo!



## Mori (Usono)



AFORISMe (37)

Jen la ununura leĝo
de Moralo:
Homo ne vivu
kiel animalo.

***

Kredo estes
la plej potenca penso,
al senkreda homo
mankas potenco.

***

Oni laŭ sia
komprenemo kaj volo
aŭdas nur parton
de nia parolo.

***

Amo, egaleco
kaj libero
estas l' ŝlosiloj de
paco kaj prospero
sur la tero.

***

La diferenco
Inter riĉ-nulo kaj
malriĉulo
estas kiel diferenco
Inter kulo kaj mulo.

***

Libero kaj prospero
estas denaskaj rajtoj
de ĉiuj sur la tero.

***

La plej ĉefa afero
de bona politikisto
estas labori
por ĉies prospero.

***

Maljusto,
mizero,
kaj manko de libero
estas komunaj
malamikoj
de ĉiuj sur la tero.

***

Rido
samkiel pano
servas al nia sano.

***

Riĉulo
kun malriĉa pensmaniero
daŭre vivas
en amara mizero.

***

Labori por paco,
libero kaj prospero
estas la plej sankta afero.

***

Al tiu, kiu parolas
per bastono,
oni reciproke
respondas per ŝtono.

***

La plej danĝeraj homoj
estas etmensaj,
egoistaj personoj
sur plej altaj postenoj.

***

Nur kruela homo
kun la konscienco de
skorpio
subpremas, murdas
homojn,
en la nomo de Dio.

***

La plej sankta afero
estas libero
kaj libero
kaj libero.

***

Sen vera libero
ekzistas nek sekureco
nek prospero.

***

Tie , kie regas despoto
al kiu mankas saĝo,
saĝaj patriotoj
vivas en tutlanda kaĝo.

***

En senbrida,
novkapitalisma ĝangalo
vivi sur la bazo de
Moralo
estas granda
batalo.

***

Tie, kie oni zorgas
nur pri sia afero,
ĉiu homo kunhelpas
kreon de
komuna mizero
kaj surtera infero.

***

Demagogo
sur la dorso de popolo
estas je la servo de
sia malnobla volo.

***

Tie, kie regas
homfiguraj hienoj,
la vivo tre amaras
por homvizaĝaj leonoj.

***

Vivi kiel stulta ŝafo
estas granda kulpo
samkiel vivi kiel
sovaĝaj lupo
kaj vulpo.

***

Fidu
nek malamikon malican
nek amikon kaprican.

***

Homo por savi sin
el kia ajn kaĝo
bezonas iomete da saĝo
kaj multe da kuraĝo.

***

Tiu, kiu suferigas
homojn
nome de Dio,
ideologio aŭ religio
estas ne homo
sed skorpio.

***

Malica homo
kaŝas sin
malantaŭ Dio
kaj pikas homojn
kiel skorpio.

***

Parolo
la plej elokventa
estas tiu de homo
intence silenta.

***

Grandas la diferenco
Inter amiko kiu kritikas
kaj malamiko kiu pikas.

***

Leĝoj de ĝangalo
estas je la favoro
de pli forta animalo.



## Hans-Georg Kaiser (Germanujo)






Se vi kiel infano estas impertinenta
sen bonaj rilatoj,
oni metas vin en punhejmon.
Kiel infano vi ne estu impertinenta
sen bonaj rilatoj.

Tiuj, kiuj ne estas impertinentaj,
ĉar ili havas bonajn rilatojn,
unuiĝis en la batalo
kontraŭ la impertinentuloj,
kiuj ne havas bonajn rilatojn.

En ilia komisiono ili decidas:
Vi estas impertinenta,
kaj tial metenda en punhejmon.
(se vi estas sen bonaj rilatoj)

Se vi estas olda
kaj sen subteno,
oni metas vin en oldulhejmon.
Vin ne estu olda
sen subteno.

Tiuj, kiuj ne estas oldaj
kaj subtenataj,
unuiĝis en la batalo
kontraŭ la olduloj,
kiuj estas sen subteno.

En ilia komisiono ili decidas:
Vi estas olda kaj tial
metenda en oldulhejmon.
(se vi ne estas subtenata )

Se vi estas izolita
kaj sen subteno,
vi baldaŭ ekfreneziĝas.
Sed vi ne freneziĝu
sen subteno.

Tiuj, kiuj rajtas frenezi,
ĉar ili havas privilegiojn,
unuiĝis en la batalo
kontraŭ la frenezuloj,
kiuj ne havas privilegiojn.

En ilia komisiono ili decidas:
Vi freneziĝis kaj tial
oni devas meti vin en izolĉelon.
(se vi estas sen privilegioj)

Se vi estas izolita
kaj sen privilegioj,
vi estas ankaŭ sen moralo.
Sed vi ne estu sen moralo
sen privilegioj.

Tiuj, kiuj havas moralon,
ĉar ili havas la potencon
unuiĝis en la batalo

kontraŭ la neprivilegiitoj,
kiuj estas sen moralo.

En ilia komisiono ili decidas:
Vi estas povra kaj sen privilegioj,
ĉar vi ne havas moralon.
(se vi estas senpotenca)

### Mortanĝelo

Mi estas morna mortanĝelo,
kun pov' kaj energio.
Mi estas nigro, leĝ' sen celo
kaj kaŭz' de depresio.

Kaj tamen mankas al mi io,
ĉu estas vivoforto?
Mi estas spite al vizio –
heroldo de la morto.

## Papos Nascentes (Brazilo)



### Krepusko

ĉu manskribi vin
ĉu tajpe klavi vin
io agitiĝas io ekbolas min
kio vin mi donas tio taŭgas nin
silenton krias mi

kiu papili' (ne scias mi)
tiom da koloroj
ili donis min
ĉiu am' ĉiu amor'
ĉio jen tabul'
desegniĝo via
via profil' odor'
allogas min ĉi vir-abel'
satigas min via miel'
mi polenigas vin
sigelo ĉelo kor'

ĉu manskribe ĉu klavite
mia poem' kor-tuŝu vin
eĉ mia entuziasmo
sveni venu vin
en hebeteca orgasmo
klavomiksiĝo freneze mesaĝa
verso-stelumadas

via busŝplafon'

## Ivaniĉka Maĝarova (Bulgario)



Senstela nokto
en perdita silento.
Lampiroj sur herb'.



Sur balkono seĝ'.
Ne floras pelargoni'.
Foras dommastrin'.



Mia fenestro
nokte vian rigardas.
L' amo doloras.



Flugil' de birdo
en sorĉita sunsubir'.
Falinta nesto.

## Shu Ting (1952-)



### Tio ankaŭ estas ĉio

Ne ĉiuj grandaj arboj
povas esti blove derompitaj de vent-pikoj;
ne ĉiuj semoj
povas trovi grundon por siaj radikoj;
ne ĉiuj veraj sentoj
povas perdiĝi en dezert' de l' koro;
ne ĉiuj revoj
volas rompi al si la flugilojn de valoro.
Ne, ne ĉio,
kiel vi asertas pri tio!

Ne ĉiuj fajroj
forkonsumas sin mem,
anstataŭ doni lumon al aliaj personoj;
ne ĉiuj steloflagroj
markas nur mallum-teroron,
anstataŭ heroldi aŭroron;
ne ĉiuj kantsonoj
forpasas preter la orelo,
anstataŭ restigi sin en la korĉelo.
Ne, ne ĉio,
kiel vi asertas pri tio.
Ne ĉiuj alvokoj ne ricevas reagon;
ne ĉiuj perdoj ne povas ricevi repagon;
ne ĉiuj abismoj mortojn ja egalas;
ne ĉiuj mortoj sur la malfortajn falas;
ne ĉiuj animoj
povas esti piedpremitaj kaj putriĝi jen en
ŝlimoj;
ne ĉiuj finoj
estas larmoj kaj sangverŝo, sen ridesprimoj.
Ĉio nuna je estont' gravedas,
ĉio onta el hieraŭo sin elĵetas.
Esperon kovu kaj batalu por li,
kaj metu sur ŝultrparon vian ĉion ĉi.

Elĉinigis **Fangfang (Ĉinujo)**

# El Ĉina Antikva Poezio

## Du Fu (712 – 770)

### Improvizaĵo

Sur sabla vojeto ŝutiĝas
Salikaj pure blankaj floroj.
Lotusaj folioj plenkovras
La rojon per verdaj koloroj.
La fazanidetoj post ŝosoj
Bambuaj apenaŭ vidiĝas,
Ĉe sia panjo anasidoj
Dormante nun dolĉe feliĉas.



## Wang Jia (? - ?)

### Serena printempa tago

Antaŭ l' printempa pluvo mi florburĝonojn
vidas,
Sed post ĝi, krom folioj, neniaj floroj sidas.
L' abeloj, papilioj, transflugis svarme l' muron
—
Ĉu la printempo ĉe la najbaro nun rezidas?

## Cao Bin (1170 – 1249)

### Malfrua printempo

Neniu prizorgas la florojn falantajn ekstere,
La ombroj helverdaj etendas sin ĉie surtere.
Trili orioloj en arboj jam ĉesis; mi sola
Ĉe l' lago herboza aŭskultas ran-kvakon
prefere.

## Zhu Shuzhen (ĉ. 1079 – ĉ. 1133)

### La floroj falantaj

Sur amligitaj branĉoj floroj sin prezentas,
Enviaj vent' kaj pluvo ilin tuj turmentas.
Mi volas, ke l' Printempo reĝu por eterne;
Sur verdan muskon ne falu l' petaloj sterne.

## Liu Kezhuang (1187 -1269)

### La navedaj orioloj

Kun amo ili flugas de saliko al alia,
Trilante kiel sono de teksilo manmetia.
En Luoyang floroj brilas kiel brokato aprile*,
Ho, kiomlonge ili teksis ĝin tiel subtile!

**Aprile: en la originala teksto la monato estas la tria laŭ la ĉina lunkalendaro, kaj tiam pompas printempo.*

## Ye Cai (? - ?)

### *Improvizaĵo en la malfrua printempo*

Sin movas du paseroj sur tegmento –
Sur librotablo ombre do promenas;
La inkoplato estas pripunktita
De flokoj la salikaj kiuj enas.
*La Libron de Ŝanĝiĝoj* mi legadas,
Sidante ĉe l' fenestro en libero,
Kaj ne perceptas, kiom da vivtempaj
Tagoj forpasis dum ĉi primavero.



## Li She (? - ?)

### Montogrimpado

Dronante kvazaŭ en ebrio sonĝa
De tag' al tago konfuziĝas mi.
Printemp' min ekinformas pri l' finiĝo,
Altrudas min al montogrimpo ĝi.
Ĉe bambutemplo bonzon mi renkontas;
Parolas ni pri budh-alegorio,
El kio mi ricevis duontagon
Da viv' flosanta en mensa orgio.



## Han Yu (786 – 824)

### En malfrua printempo

La plantoj scias, ke foriros baldaŭ l' primavero;
La buntaj floroj ja konkuras laŭ sia libero.
Salikaj flokoj kaj eĉ ulmaj, kvankam ne helbelaj,
Disflugas kiel blanka neĝo flirtas en l' aero.

## Yang Wanli (1127 – 1206)

### Malĝojo pri printempo

Printempe mi aspiras pri multo da admiro,
Sed ĉiufoje vanas por mi l' eost-zefiro:
Rigardi mi ne povas la florojn paradantajn -
Malsanas mi, aŭ restas en tristo de vespiro.

## Wang Ling (1032 – 1059)

### Adiaŭ al printempo

La martaj floroj velkas kaj ĝermas alterne,
Hirundoj subtegmentaj iras kaj revenas.
Noktmeze la kukoloj elkrias la sangon –
Volante, ke l' eosta vento sin retenas.

*elĉinigis*



**Minosun (Ĉinujo)**

## Wang Yucheng (954-1001)

### En pluvonebul'

—laŭ melodio *Ruĝigitaj lipoj*

En pluvonebul'
kiu alportas triston kaj ĉagrenon,
la sudo de Jangzi-rivero
ankoraŭ bele plaĉas al okul'.
Striet' da kuirfum' el fiŝvilaĝo
leviĝas en spirala rul'.

Ĉe horizont' en venta lul',
sovaĝanseroj orde
deŝvebas ar' post aro.
Mi levas kapon al ĉiel-lazur',
paseoj miaj bolas en la menso
sed kiu min komprenas nur?

## Pan Lang (?-1009)

# Sopire pri Qiantang

—laŭ melodio *Sopire al Hangzhou*
Mi longe sopiras al Qiantang.
Ĝi estas edeno ververa,
ja multe pli bela,
ol la homloĝanta tereno:
mil domoj duone kaŝitas
en montoj kun verdo malhela;
tie kaj ĉi tie lirladas
akvfluoj kun ŝaŭmo bobela;
tra la kvar sezonoj
en pompo prospera
florar' ekzotika disfloras
ekster la fenestroj;
firm-staras montetaj ekranoj
por iro la ena kaj ela.
Ve, antaŭ kelkaj aŭtunoj
mi diris adiaŭ, ho, al salikaro leĝera.
Do, kiam mi povos reiri denove
en tempo libera?

*elĉinigis*



## Vejdo (Ĉinujo)



# Zhuangzi

## ĈAPITRO DEKSEPA

# Aŭtuna riverŝvelo

### §17-01

Kiam venas la tempo de la aŭtuna riverŝvelo, centoj da riveretoj enverŝas sian akvon en la Flavan Riveron, kies torenta fluo estas tiel plivastigita kaj potenca, ke disigite de la rivero, oni ne povas distingi bovon disde ĉevalo sur la alia bordo.

Tiam la dio de la Flava Rivero ŝvelis de ĝojego pensante, ke ĉiuj belaĵoj en la mondo kolektiĝas en li. Li do vojaĝis orienten sekvante la fluon ĝis la Norda Maro. Direktante la okulojn orienten al la senlima akvomaso, li ŝanĝis sian mienon kaj diris kun suspiroj al la Mara Dio:

"Proverbo diras: 'Ekzistas homoj, kiuj aŭdis multon pri la Taŭo kaj sekve pensas, ke neniu povas esti egala al ili.' Mi estas unu el tiaj homoj. Mi aŭdis, ke iuj subtaksis la erudicion de Konfuceo kaj malestimis la justecon de Bo Yi. Komence mi tion ne kredis. Nun ke mi vidas vian senlimecon, mi ekkonscias, ke mi estus en danĝero, se mi ne venus al vi. Tiuokaze mi farus min ĉiama mokindaĵo antaŭ tiuj, kiuj bone konas la Taŭon."

La Mara Dio respondis:

"Vi ne povas diskuti pri la maro kun la rano sur la fundo de puto, ĉar ĝi vivas en spaco tro limigita; vi ne povas diskuti pri la glacio kun somera insekto, ĉar ĝi estas limigita al unu somero; vi ne povas diskuti pri la Taŭo kun pedanto, ĉar li estas limigita al libraj scioj.

"Nun ke vi, forlasinte viajn riverbordojn, ekvidis la vastan maron kaj sekve konscias vian mezvalorecon, mi povas paroli kun vi pri la Taŭo. El la akvoj sub la ĉielo neniu estas pli granda ol la maro. Ĝi ricevas la senfinan fluon de dek mil riveroj, sed ĝi neniam pleniĝas. Ĝi senfine likas, sed ĝi neniam malpleniĝas. Ĝi restas same vasta kiel en printempo, tiel ankaŭ en aŭtuno. Ĝi ne konas la inundon, nek la sekecon. Ĝi entenas en si nemezureble pli multe da akvo, ol la rivero Jangzi kaj la Flava Rivero.

"Kaj tamen mi neniam fieras pri mia vasteco. Mi supozas, ke mia formo devenas de la ĉielo kaj la tero, kaj mia energio akumuliĝas el la jino kaj la jango. Mi restas ĉi tie, inter la ĉielo kaj la tero, nur kiel ŝtoneto aŭ arbeto sur kolosa montego. Kiel do mi povus trotaksi min kiam mi bone scias, ke mi estas tiel sensignifa! Ĉu la kvar maroj inter la ĉielo kaj la tero ne similas malgrandajn truojn en granda marĉejo? Ĉu la centraj regnoj inter la kvar maroj ne similas grajnojn de mileo en granda grenejo? Ekzistas centoj kaj miloj da estaĵoj en la mondo; la homo estas nur

unu el ili. La homoj vivas en la regionoj, kie kreskas grenplantoj kaj kie veturas ŝipoj kaj ĉaroj, kaj individua homo estas nur unu el ili. Kompare kun la centoj kaj miloj da estaĵoj en la mondo, ĉu la individua homo ne estas nur hareto sur ĉevalo? La sinsekvado de la Kvin Reĝoj, la interbatalado inter la Tri Imperiestroj, la zorgoj de la humanaj kleruloj, la klopodoj de la kapablaj regnoficistoj — ĉio ĉi ja estas ne pli ol tio! Bo Yi akiris al si la famon per rifuzo de la trono; Konfuceo paradis per sia erudicio. Ĉu tia memlaŭdo ne tre multe similas vian ĵusan fanfaronadon pri via akvo?"

La dio de la Flava Rivero diris:

"Tiuokaze, ĉu do mi povas preni la ĉielon kaj la teron kiel ion grandan kaj la maldikegan hareton kiel ion malgrandan?"

"Ne, vi ne povas," diris la Mara Dio. "Ĉar la mezuroj de la estaĵoj estas senfinaj; la tempo estas senlima; la akiro kaj la perdo estas neregulaj; la komenco kaj la fino estas hazardaj. Tial, kun akra observo al la estaĵoj de proksime kaj de malproksime, homoj de granda inteligenteco ne rigardas la malgrandan kiel malgravan, nek la grandan kiel gravan, ĉar ili scias, ke ĉia mezuro estas senfina. Kun profunda kono de aferoj pasintaj kaj nuntempaj, ili ne zorgas pri la malproksima pasinteco, nek provas kapti la tujan nunon, ĉar ili scias, ke la tempo estas senlima. Kun akravideco al akiroj kaj perdoj, ili ne ĝojas pro akiroj, nek malĝojas pro perdoj, ĉar ili scias, ke ekzistas neniaj reguloj por akiroj kaj perdoj. Kun klara kompreno pri la glata vojo de la vivo kaj morto, ili ne prenas la vivon kiel plezuron, nek la morton kiel katastrofon, ĉar ili scias, ke la komenco kaj la fino estas hazardaj.

"Se vi faras kalkuladon, vi trovos, ke tio, kion la homo scias, estas multe malpli ol tio, kion li ne scias, kaj la tempo, dum kiu la homo vivas, estas multe pli mallonga ol tiu, dum kiu li malvivas. Se vi penas serĉi la senliman grandecon per via limigita vivo, vi nur konfuziĝos kaj atingos nenion. El tiu ĉi vidpunkto, kiel do vi povus preni la maldikegan hareton kiel ion malgrandan kaj preni la ĉielon kaj la teron kiel ion grandan?"

La dio de la Flava Rivero demandis:

"La vulgaraj homoj ĉiuj opinias, ke la ekstreme malgranda aĵo havas nenian formon kaj la ekstreme granda aĵo havas nenian limon. Ĉu tio estas vera?"

La Mara Dio respondis:

"El la vidpunkto de tio, kio estas malgranda, vi ne povas havi kompletan bildon pri tio, kio estas granda; el la vidpunkto de tio, kio estas granda, vi ne povas havi klaran vidon de tio, kio estas malgranda. La ekstrema subtilo estas la eco de tio, kio estas la plej malgranda el la malgrandaj; la ekstrema grandego estas la eco de tio, kio estas la plej granda el la grandaj. La grandeco kaj la malgrandeco havas sian respektivan avantaĝon, dependante de la cirkonstancoj. La malgrandeco kaj grandeco estas limigitaj al tio, kio havas formon, dum la senforma estas nedividebla, kaj la senlima estas neelĉerpebla. Tio, kio povas esti esprimebla per paroloj estas io granda; tio, kio povas esti imagata nur en la menso, estas io malgranda; tio, kio povas esti nek esprimebla per paroloj, nek imagata en la menso, ne koncernas malgrandecon aŭ grandecon.

"Tial la vera granda homo ne malutilas aliajn en sia konduto, nek fanfaronas pri siaj humaneco kaj justeco. Li ne ĉasas profiton, nek malestimas la profitoĉasantojn. Li ne penas akiri al si riĉaĵojn, nek fieras pri sia rifuzo de ili. Li ne petas alies helpon, nek laŭdas sian vivtenadon per sia forto, nek malŝatas la avarecon. Li ne sekvas la vulgaran mondon, nek distingiĝas per sia strangeco. Li ne agas alie ol la aliaj, nek trovas malindaj la flatulojn. Li prenas nek la altan postenon kaj la altan salajron kiel stimulaĵojn, nek la punon kaj humiligon kiel malhonorojn. Li scias, ke la pravo kaj la malpravo ne estas distingeblaj unu de la alia, kaj ke la malgrandeco kaj grandeco ne estas difineblaj. Mi aŭdis la diron: "La homo, kiu atingis la Taŭon, ne ĉasas la famon; la homo, kiu posedas la virton, ne ĉasas la profiton; la vera granda homo estas sen si mem.' Tio estas rezignemo en la plej alta formo." (daŭrigota)

*elĉinigis*



**Wang Chongfang (Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Yanke (Ĉinujo)

### Osmanta aromo

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

Fru-
matene sen ajna bru'
eliras
mi por promen-ĝu'.

Mal-
larĝa la pado en pal'
kondukas
min jen al florar'.

Bon-
odor' min al la gazon'
altiras
kvazaŭ per ordon'.

Or-
flavaj steletoj de flor'
atakas
min per bonodor'.

Fin-
fine mi ja en proksim'
rekonas
osmanto ĝin.

Dis-
aromas ĝi foren ĝis
mia dom'
ŝvebante kun glis'.

Ne-
mirinde mi frue tre
vekiĝas
kun ŝafa obe'.

Pas-
antoj ja ankaŭ por ĉas'
de arom'
haltas en amas'.

Pri-
laŭdoj sonadas al ĝi,
ridanta,
jen en sunradi'.

Ver-
vere en sia tener'
ĝi logas
homojn kun prefer'.

Mir-
indaj floroj sen flatdir'
akiras
amon de admir'.

**Deskses-Silabo: ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimarangô a,a,xa (x=senrima)*

## Eto (Ĉinujo)

### Ekneĝado

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Griz-nuboj
kuniĝas are,
kaj frost' ĝisoste pikas.
Brum' ĉirkaŭas vuale,
kovras malklare.

Unue
pluvo alvenas
kun hajlograjnoj etaj,
vent' ankaŭ partoprenas,
alblovoj ĝenas.

La pluvo
frapas dolore
sur homojn senombrelajn,
kaj la frosto ĉihore
pikas ĝiskore.

Paliĝas
laŭgrade ĉiel'.
Videblas neĝaj flokoj
dance flirti en pelmel'
sub frosta ventpel'.

Ekneĝas.
El ĉiela blu'
neĝeroj falas blanke
kvazaŭ je kribrilo-sku',
amase sen bru'.

Blankiĝas
tegmentoj, la ter',
branĉoj, herbejoj, kampoj.
Birdoj nestas sen aper'
pro ebla danĝer'.

Sur ŝose'
aŭtoj jen raras
pro malfacila vetur',
kelkaj simple nur staras,
ĉar neĝo baras.

Baldaŭe
nur blanka kolor'
jam reĝas sur la tero.
Neĝas forte kun fervor'
per ŝuta labor'.

Ja daŭras
je duona tag'
neĝado intermita.
Ĉio sub ĝia atak'
dronas en blank-svag'.

## Gajo (Ĉinujo)

# Feliĉo

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Feliĉo
restas en tio,
ke vi kaj la karuloj
sanas en bon-medio
kaj melodio!

Feliĉo
kuŝas en tio,
ke l' infanoj libere
ludas en harmonio,
kaj kun ĝojkrio!

Feliĉo
venas el tio,
ke l' old edzino ne plu
babilemas sen scio,
sed kun racio.

Feliĉo
kreskas el tio,
ke legas Esperante
fablojn vi en hobio
kaj kun kor-pio!

Feliĉo
nestas en tio,
ke vi, via kunulin'
kunvivas en pasio,
sed sen anksio.

Feliĉo
fontas el tio,
ke vi ĉiam kontentas,
kaj plendas pri nenio,
sen larmostrio!

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimarangô xa,xa,a (x=senrima).*

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Retadreso: vejdo@163.com
www.elerno.cn/penlisto.htm
_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_